*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**




**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 14/03/2019 Kvarcentdeksepa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj.*** *openclipart. * *reta-vortaro *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * Google Translate* * Pasintaj AE eldonoj* * Duolingo * duolingo all courses * lingvohelpilo* *PMEGramatiko* * Esperanta Retradio* *Esperanta himno*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 803,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **342,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **311,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **150,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".




### N.ro 59 (La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)

La t.n. Finitiva funkcio de la ago, nome tie kie ĝi okupas la Predikaton de la Propozicio, montriĝas nur en verba finiĝo –as, -is-, -os, -us, kaj –u. La alia, infinitiva, verbo, finiĝanta en –i, agas kutime kiel Substantivo kaj neniam povas esti la kerno de la Predikato.




Kiam la Infinitivo dependas de ago en Substantivo aŭ Adjektivo, la Subjekto de la Infinitivo estas la sama kiel tiu de la ago en la koncerna Substantivo aŭ Adjektivo: "Lia deziro gloriĝi" = li deziras do li gloriĝas. kaj: "Ŝi estas preta fari tion" = ŝi pretas do ŝi faras. Sed notu: "Mia peto al li retroveni": do li retrovenos, kontraŭ "Mia peto retroveni" = mi petas do mi retrovenos.



*Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## La Manlia Esperanto-Klubo

Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. La 14a de marto estos la tria sabato.

Lernantoj kaj vizitantoj estos bonvenaj

*Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## El Adelajdo

La jarkunveno de **Esperanto en Sud-Aŭstralio** okazis la 6-an de marto en la kutima loko, komunumejo "*Box factory*". En la pasinta jaro diversnivele aktivis 21 personoj. Benno Lang faris liston de ideoj, kiel varbi novajn homojn kaj atingi tiujn, kiuj lernis Esperanton pere de Duolingo. Benno kaj Paul Desailly iĝis novaj membroj de la estraro.

La dua parto de la vespero iĝis Orient-Timora horo. Helen Palmer faris mallongan prezentadon pri la lando kaj surprizis nin per skajpa ligo kun du orienttimoraj esperantistoj: Mateus kaj Teofilo.






**Helen Palmer**

Surfote:

Michael Carney, Paul Desailly kaj Benno Lang sidantaj sub la Skajpe projekciitaj vizaĝoj de Mateus kaj Teofilo



*Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## verdaj kapoj

Kun miro mi legis en la pasinta novaĵletero ke kelkaj Esperantistoj ricevis novajn verdajn kapojn. Ĉu vere? Kiel strange! Tamen sur la foto mi tute ne povis vidi verdajn kapojn, nur verdajn kaskedojn. Jen mi aldonas bildon de verda kapo kaj ankaŭ foton de verda kaskedo.

Amike, *Nicole Else*








***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***



# Saga Lando.

Lastatempe mi legis interesan libron kun titolo 'Saga Land' (pri Islando kaj la Sagaoj). Jen estas la rakonto, kiun mi ĵus tradukis. Ĝi venis el la norduloj en la mezepoko, el la nord-okcidento, kiu estas Sagao. Oni scias, ke en tiu lando tute ne mankas sekretaj murdoj, bataloj de venĝo, atakoj el embusko, bruligoj de familioj en iliaj domoj kaj aliaj sangverŝoj.

**Audun kaj la Polusa Urso.**

Antaŭ mil jaroj en la nord-oksidento de Islando vivis malriĉa farmlaboristo, nomita Audun.

Unu someron ŝipo alvenis en la apuda haveno, kaj Audun povis doni al la kapitano utilan konsilon kaj helpis lin vendi siajn varojn. Danke pro tiuj komplezoj li proponis al Audun senkostan vojaĝon al Groenlando.

Audun vendis siajn ŝafojn, kaj donis al tiu loka farmisto sufiĉan monon por subteni sian patrinon por loĝado kaj nutraĵo dum tri jaroj. Tiam li surŝipiĝis kaj forportiĝis al la okcidenta kolonio de Groenlando.

Inter la kolonistoj estis bestĉasisto, nomita Erik, kiu kaptis junan polusan urson. Audun decidis aĉeti ĝin, kvankam ĝi kostus preskaŭ ĉiom da lia restanta mono. Li decidis donaci la imponan beston al Reĝo Svein de Danlando, ĉar li aŭdis, ke tiu esta bonega homo.

Survoje li kaj la urso devis vojaĝi tra Norvegujo, kaj tie oni devigis lin aperi antaŭ Reĝo Harald, la Severa Reganto. Tiu proponis aĉeti la urson per tre bona prezo. Audun ĝentile malakceptis, dirante ke li intencis donaci ĝin al Reĝo Svein de Danlando. Harald informis malplaĉite, ke li estas militanta kun la Danoj ; tamen li permesis al Audun pluen vojaĝi al Danlando. Li nur insistis, ke revene, Audun rakontu al li pri sia vojaĝo.

Audun kun la urso daŭrigis sian vojon suden ĝis Danlando. Tie la lasto da lia mono elspeziĝis. Li devis almozpeti en la stratoj por nutri sin kaj la urson.

Li fine iris konsulti Aki, intendanto de Reĝo Svein. Li diris pri sia plano donaci la urson al la Reĝo, kaj petis manĵaĝon por la besto, kiu estis preskaŭ mortanta pro malsato.

"Ne", respondis Aki, "mi ne donas al vi manĝaĵon. Sed mi aĉetas de vi duonon da la urso. Tiam vi havos monon por nutri ĝin". Tio tre malplaĉis al Audun, sed kion alian li povis fari? Li devis akcepti.

Audun, Aki kaj la polusa urso iris vidi Reĝon Svein, sekvate de multe da homoj ĝis la reĝa tablo.

"El kiu lando vi devenas?", demandas la Reĝo.

"Mi estas islandano, diris Audun, "mi aĉetis ĉi tiun urson en Groenlando per mia tuta havaĵo, intencante donaci ĝin al vi. Mi vidis Reĝon Haraldon, kiu permesis min trairi sian landon, eĉ kvankam li deziris la urson por si mem. Tiam mi renkontis ĉi tiun viron, Akin, kiu rifuzis helpi min, krom se mi vendus duonon de la urso al li. Kaj nun la donaco estas malbonigita."

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

Demandis la Reĝo: "Ĉu ĉi tiu viro diras la veron, Aki?"

"Jes, li faras, Lordo. Tial mi insistis, ke li retenu la alian duonon."

Diris la Reĝo: "Vi estis eta viro, Aki. Kaj mi faris vin grandulon. Ĉu estis ĝuste, ke vi malhelpis iun, kiu elspezis ĉion, kion li havis por ĉi tiu netaksebla donaco? Eĉ mia malamiko, Reĝo Harold, lasis lin vojaĝi en paco. For el mia vido, Aki! Kaj foriru el ĉi tiu lando por ĉiame!"

"Por vi, Audun, mi sentas la saman dankon, kvazaŭ vi donus la tutan urson." Reĝo Svein invitis lin resti ĉe li dum ioma tempo. Tiam li konsentis patroni lin por pilgrimi al Romo.

Revenante de Romo, Audun tre malsaniĝis survoje, kaj lia mono elĉerpiĝis. Li fine reatingis Danlandon kiel maldika, malpuraĉa, ĉifona vagabondo. Li tro hontis por montri sin al la Reĝo, precipe dum diservo, sed poste Svein rimarkis lin en malluma angulo.

"Vi ŝanĝiĝis", li diris, premante ties manon. Li ordonis prepari banon por Audun, kaj donis al li vestojn, kiun li mem portis dum Pasko. Li invitis lin resti ĉe li kaj esti lia tasportanto. Sed Audun insistis, ke li reiru al Islando, ĉar lia tempo finiĝis. La mono kiun li provizis por sia patrino eluziĝis, kaj li tute ne volus pensi, ke al ŝi ĝi mankas.

"Vi devas esti vera bonŝanculo," diris la Reĝo, "tio estas la sola motivo por foriri, kiu ne ofendus min."

Reĝo Svein provizis Audun per ŝipo, ŝarĝita per bonaj varoj, kaj ankaŭ splendan brakringon, kion li prenis de sia propra brako.

Tiam li adiaŭis la islandanon.

Audun velis norden laŭ la bordo de Norvegujo, kaj haltis ĉe la kortumo de Reĝo Harald, por rakonti lin pri sia vojaĝo, kiel li promesis.

« Ĉu vi donis la urson al Reĝo Svein ?, » demandis Harald.

« Jes, Lordo, mi faris. »

"kiel li repagis vin?"

"Nu, unue, per tio, ke li akceptis ĝin."

"Ankaŭ mi farus tion same por vi. Kio alia?"

"Li donis manĝaĵon kaj saketon da arĝento, por ke mi povu pilgrimi al Romo."

„Mi farus la saman ankaŭ. Ĉu estis io plu ? »

« Li invitis min resti ĉe li, eĉ kvankam mi aspektis vagabondo. Kaj li donis al mi la bonajn vestojn, kiujn li mem portis dum Pasko."

« Estas ne tiom remarkinde trakti almozpetanton tiel. Ankaŭ mi farus tion. Ĉu estis io alia?"

„Li donis belan ŝipon ŝarĝitan per bonaj varoj, por ke mi reiru hejmen."

„Tiu estis ja malavara, sed mi estus farinta simile," diris la Reĝo. « Ĉu estis io ajn alia ? »

Li donis alian saketon da arĝento, por ke mi ne estu senmona se mia ŝipo pereos apud la islanda bordo. »

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

« Nu, tio estas ja vere malavara, kaj pli ol mi farus. Ĉu io plu?"

„Li donis al mi oran brakringon, dirante ke mi ne fordonu ĝin, krom se mi sentus ŝuldon al gravulo, kaj dezirus doni ĝin. Kaj nun mi donacas ĝin al vi, Lordo, ĉar vi povus morti min kaj preni mian valoregan urson. Sed vi lasis min pluvojaĝi en paco. Mi ŝuldas ĉiom de mia fortuno al vi."

Reĝo Harald konfesis ke, kvankam ili ne estas amikoj, Reĝo Svein havas malmulte da egaluloj. Harald akceptis la brakringon, kaj ordonis, ke la ŝipo de Audun estu tre bone ekipata. Ankaŭ li donacis glavon kaj mantelon. Ili estis ambaŭ trezoraĵoj, kvankam Harald diris ke ili estas nur donacetoj.

Tiusomere Audun revelis al Islando. Tie ĉiuj konsentis, ke li estas viro de la plej bona fortuno.

Multaj bonaj homoj estas liaj posteuloj.

Tradukis Tomo. *Tom O'Grady* ***el Queensland, Aŭstralio***



# UEA SERĈAS NOVAN PREZIDANTON

La Prezidanto reprezentas la Asocion en juraj kaj nejuraj aferoj, subskribas la ĉefajn dokumentojn kaj prezidas la Estraron kaj la Universalajn Kongresojn.

La elekto okazos dum la 104-a Universala Kongreso en Lahtio.

Por kandidatiĝi kiel prezidanto, sendu mesaĝon al elekta.komisiono@co.uea.org ĝis dimanĉo la **31-a de marto 2019** *Katja Steele*

https://www.bing.com/search?q=UEA+sercxas+novan+prezidanton&form=EDGSPH&mkt=en-au&httpsmsn=1&plvar=0&refig=5de2c4db6f894f02943d08f718614d1e&PC=HCTS&sp=-1&pq=uea+sercxas+novan+prezidanton&sc=0-29&qs=n&sk=&cvid=5de2c4db6f894f02943d08f718614d1e



# Esperanto Domo, Sidnejo NSK.

# Plurtaga laborkunveno por la Arkivo



Karaj amikoj,

Dankon al tiuj, kiuj jam respondis al la propono pri plurtaga laborkunveno (multi-day working bee) por aranĝi la Aŭstralian Esperanto-Arkivon en Esperanto-Domo.

Ĉe antaŭnelonga estrar-kunveno de la Esperanto-Federacio de Nova Sud-Kimrio ni decidis, ke ĝi okazu inter la 24-a kaj la 26-a de aprilo (merkredo ĝis vendredo). La kunveno oficiale komenciĝos je la 10-a atm ĉiun matenon.

La loko: Esperanto-Domo, 143 Lawson Street, Redfern (130 metroj okcidente de la stacidomo Redfern)

http://esperantohouse.org.au/eo/about-us/

Ni planas okazigi almenaŭ unu duontagan ekskurson, verŝajne dum la posttagmezo de la unua tago (merkredo). Mi estus feliĉa enkonduki vin al mia eks-laborejo, la bela Art-Galerio de Nova Sud-Kimrio, kaj ankaŭ la proksima Reĝaj Botanikaj Ĝardenoj.

[Por tiuj, kiuj interesiĝas, la tagon post la laborkunveno, sabaton, la 27-an de aprilo, okazos senpaga **lingvo-festivalo** ĉe la publika biblioteko Gordon (inter tagmezo kaj la 4-a ptm).]

Ekzistas iom da **loĝado** ĉe Esperanto-Domo:

• la gastĉambro – kun unu duobla lito, unu unuopa (etaĝ-)lito kaj unu elfaldebla sof-lito

• la supra etaĝo de la ĉefa konstruaĵo – kun du pneŭmataj unuopaj litoj sur la planko

(Unu homo ankaŭ povus loĝi en kromĉambro en mia domo se necesos, tamen ĝi situas en la Centra Marbordo, 85 km norde de Redfern.)

Bonvolu informi min pri via bezono (aŭ deziro) kiel eble plej frue, kaj ni penos plej bone plenumi ĝin

Fine, ĉu vi havas historiaĵojn rilate al la Esperanto-movado en Aŭstralio, kiujn vi volus donaci al la Arkivo? Se jes, bonvolu alporti ilin kun vi se eblas.

Multe dankon. Amike, *Jonathan Cooper*



# Unu afero, unu vorto, en mia ĝardeno.

## KUN NATURAJ ESCEPTOJ.



En ĉiuj etnaj lingvoj estas du specoj de esceptoj al la gramatikaj reguloj, nome la nenecesaj kaj la nature necesaj. En Esperanto ne troviĝas, aŭ devas ne troviĝi, nenecesaj esceptoj, kaj ni propagandas pri tio. En ĉiuj lingvoj, inkluzive de Esperanto, troviĝas neeviteblaj esceptoj devigataj de la naturo, ekz. pronomoj kaj prepozicioj ofte ne povas uzati en vortkunmetaĵoj, ĉar ili estas tro mallongaj kaj tial nerekoneblaj. Alia natura escepto estas, ke oni ne povas aldoni la akuzativon al Gramatika Objekto, se ĉi lasta hazarde ne finiĝas per la litero –o aŭ –a, kiel en "Mi ŝatas kanti(n)". Tiaj naturaj esceptoj ĉeestas en la etnaj lingvoj kaj en Esperanto, kaj okazas al ĉiuj reguloj, eĉ al la ĉi sube pridiskutataj.

Tre multaj lingvoj, inter kiuj la hindeŭropaj, baziĝas sur la principoj, ke vorto esprimas nur unu nocion, kaj ke nocio reprezentatas de nur unu vorto. Tio estas la baza principo por la ekzisto de vortoj. Ekzistas lingvoj, kiuj ne baziĝas sur tiu principo, sed Esperanto sekvas la eŭropan kutimon. Sen tiu aŭ alia regulo estus malfacila por lingvo funkcii.

Nature la etnaj lingvoj havas nenecesajn esceptojn al ĉi tiu regulo, sed ne multajn. La angla lingvo eble havas la plej grandan nombron da esceptoj. Sed la angla estas konata kiel lingvo kun

multaj esceptoj al siaj reguloj. Estas demando, ĉu la esceptoj gravas, kaj gravus al Esperanto. Se oni povas pruvi ke esceptoj estas utilaj, ne ekzistas tialo por ne havi ilin en Esperanto. Ĝis tia pruvo, mi akceptas ke ju malpli da esceptoj al la reguloj en lingvo, des pli bone. Zamenhof almenaŭ verkis sian lingvon sur ĉi tiu principo, ke en ĝi ne ekzistu esceptoj al la reguloj, al kiuj ajn reguloj.

Sed eĉ ĝi, kiel ankaŭ la etnaj lingvoj, devas akcepti kelkajn esceptojn pro naturaj postuloj. Ekzemple kunmetaĵo povus esti tiom longa, ke ĝi ne plu facile kaj rapide rekoneblus kaj rapide komprenatus. Aŭ tro mallonga pro simila tialo. Aŭ la fakto, ke en Esperantaj kunmetaĵoj la orda numeralo retenas sian –a-finaĵon, por distingi ĝin de la baza numeralo: triaetaĝa kaj trietaĝa.

Se ni do akceptas la Zamenhof'an eviton de esceptoj, ni devas apliki tiun senesceptecon ankaŭ al la reguloj pri unu vorto por unu nocio kaj unu nocio por unu vorto. Ĉar la etnaj lingvoj enhavas kelkajn esceptojn al tiuj reguloj, la Esperantistoj, speciale la ne tre kompetentaj verkistoj kaj vortaristoj kaj lernolibristoj, kaj eĉ la Esperantologoj, nekonscie ŝatas imiti siajn etnajn lingvojn kaj kreas al tiuj reguloj plurajn esceptojn. Kelkaj, sed tre malmultaj, estas nature necesaj, ekz. oni ne povas uzi unu vorton por la malsano "*aids*" ĉar oni havus tro longan vorton por tiu unu nocio. Same oni ne povus havi en unu vorto *"nigrotulipo" ĉar tio kontraŭus alian regulon ke oni ne rajtas kunmeti substantivon kun sia adjektivo.

La aglutina karaktero de Esperanto zorgas, pro sia riĉa vortkunmetado, ke ni facile kaj preskaŭ ĉiam povas obei la regulon, ke unu nocio reprezentatas de unu vorto. Sed kie la Esperantistoj forgesas la regulon, pro siaj etnaj lingvoj, estas la geografiaj nomoj. Mirigas kaj senesperigas, kiel kaj kiom eĉ kleraj Esperantologoj malobeas, sendube nekonscie, la regulon de unu vorto por unu nocio, por unu afero. Se *Los Angeles* estas unu urbo, ne kombinaĵo de *Los Angeles* kaj *San Francisko*, ĝi devas havi unu ne interrompitan nomon, Losanĝeleso aŭ Anĝeleso aŭ Losanĝelso. Same Riodeĵanejro aŭ Januarrivero aŭ Ĵanejroriverurbo, sed ne Rio de Ĵanejro nek Rio-de-Ĵanejro nek Januara Rivero. Nek Suda Aŭstralio por la ĝustaj Sudaŭstralio aŭ Saŭstralio. Cetere Suda Aŭstralio estas la suda parto de Aŭstralio, kiu inkluzivas Melburnon. Ĝenerale estas facila krei kaj uzi unu vorton por unu geografia nocio.

Ankaŭ la alia nepra regulo, nome ke unu vorto reprezentas nur unu nocion, estas ĝenerale facile obeebla, ekz. la afrika urbo Kano ne povas esti Kano, kiu radiko jam ekzistas por io alia, sed facile nomatas Kanoo. Ankaŭ facilas Lilo en norda Francujo, kaj Loaro kaj Luaro, kiuj riveroj prononciĝas same en sia franca lingvo. Kaj krome Vieno en Aŭstrujo kaj Vjeno en Francujo. Ĉiuj geografiaj nomoj estas memstaraj vortoj, nedivideblaj radikoj, eĉ se ili aspektas kiel kunmetaĵoj, ekz. Novjorko kaj Njujorko, kaj Novzelando kaj Njuzelando. Cetere Nova Zelando estas la nove kreita provinco Zelando post la inondegoj de 1953 en Nederlando. *Marcel Leereveld*.

**TIU DAMNATA AKUZATIVO. -2.** (por komencantoj)

Pasintsemajne mi klarigis iomete unu el la kelkaj kazoj, kie estas malfacila por anglolingvanoj scii ĉu uzi la akuzativon aŭ la nominativon. Ilia kutimo ja estas, trovi la nominativon antaŭ, kaj la akuzativon malantaŭ la verbo. Tiu kazo temis pri predikativoj.

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

Ĉifoje mi montras alian tian kazon, nome ĉe Subordaj Propozicioj, subordinate clauses. Kompleta Propozicio ja povas esti simpla, kun simplaj Subjekto, Predikato, Objekto, kaj Adjektoj, kiel en "La virino promenigas sian hundon en la parko". Ĝi konsistas el la kvar eblaj partoj de frazo. Ĉiu el tiuj frazpartoj povas havi la formon de kompleta propozicio, Subpropozicio, kiu mem povas havi la kvar frazpartojn. Ekz. "KIU AJN TROVAS TION NECESA, POVAS PROMENIGI sian hundon en la parko". Ĉi tie "povas promenigi" estas la Predikato (= verboj), "sian hundon" estas la Objekto, kaj "en la parko" estas Adjekto. La Subjekto ĉi tie estas tuta, Suborda Frazo, nome "Kiu ajn trovas tion necesa", kiu Subjekto enhavas sian propran Subjekton "Kiu ajn" kaj Predikaton "trovas" kaj Objekton "tion" kaj Predikativon "necesa". Aŭ "La virino promenigas KIUN ŜI TRE ŜATAS, KIE ŜI NORMALE PROMENIGAS SIAN HUNDON", en kiu unua Suborda Frazo troviĝas la suborda Subjekto "ŝi" kaj la suborda Predikato "ŝatas" kaj la suborda Objekto "kiun" kaj la suborda Adjekto "tre", kaj en la dua, suborda Adjekta frazo, troviĝas la suborda Subjekto "ŝi" kaj la suborda Predikato "promenigas" kaj la suborda Objekto "sian hundon" kaj la subordaj Adjektoj "kie" kaj "normale".

Sed la suborda frazo, anstataŭ esti la tuta ĉeffrazparto, povas esti ankaŭ parto de la precipa frazparto, do de la precipa subjekto aŭ predikato aŭ objekto aŭ adjektoj. En tia komplementa subfrazo (ĉe unu el la kvar precipaj frazpartoj), povas troviĝi subordaj Subjekto, Predikato, Objekto, kaj Adjektoj. Jen ekzemploj de la kvar ebloj: (subjekta) :"La virino, KIU LOĜAS APUD NI, promenigas sian hundon en la parko", kaj (predikata) "La virino promenigas, TIO ESTAS FEKIGAS KAJ URINIGAS, sian hundon en la parko", kaj (objekta) "La virino promenigas sian hundon, KIUN ŜI JAM POSEDAS MULTAJN JAROJN, en la parko", kaj (adjekta) "La virino promenigas sian hundon en la parko, KIUN ONI ĈIUTAGE PURIGAS".

Ne mirindas, ke iu Akademiano iam proponis (cetere vane), ne plu uzi la akuzativon por la Objekto. Sed tio rezultus en pli gravajn problemojn gramatikajn, kaj tial mi ĝojas ke la Akademio firme malakceptis tiun proponon. *Marcel Leereveld.*

**AGLUTINAĴOJ**. (por lingvspecialistoj)

Pasintsemajne mi montris kelkajn nekutime montratajn aglutinaĵojn. Jen plia klarigo de kelkaj el ili:

LI GRIMPIS SUR LA MONTON. (do kun netransitiva verbo).

1.a kunmeto: > Li grimpis montsuren > Li grimpis surmonten = duone aglutina.

(duona, ĉar necesas ŝanĝi la vicordon de ĉef- kaj flankelementoj).

2.a kunmeto: > Li grimpis montsuren > Li grimpis SUR ION > Li surgrimpis la monton = aglutina.

(plene aglutina, ĉar kombino de flankelemento "sur ion"
kun la ĉefelemento "grimpis", kiu situas laste).

LI METAS LA ĈAPELON SUR LA KAPON (kun transitiva verbo).

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

1.a kunmeto: > Li metas la ĉapelon kapsuren > surkapen = duone aglutina.
(duona, ĉar necesas ŝanĝo de la vicordo de la du elementoj).

2.a. kunmeto: > Li metas la ĉapelon SUR ION = surmetas (la ĉapelon). (= aglutina).
(plene aglutina, ĉar kombino de flankelemento (sur ion) kun sekvanta ĉefelemento (metas).

3.a. kunmeto: > Li ĉapelmetas = NEPERMESATA, ĉar kombino de verbo kun sia gramatika objekto.

La aliaj estas permesataj ĉar konsistas el verbo kun prepozitivo (ne adverbo).

*Marcel Leereveld*.





La 27-an de Februaro, Legio de Bona Volo okazigis plian Atelieron de Esperanto, ĉi-foje partnere kun Brazila Esperantista Junulara Organizo (BEJO).

En neformala kaj ĝoja tago, gelernantoj de la Eduka Instituto José de Paiva Netto, en San-Paŭlo (Brazilo), estis ravitaj konatiĝi kun la lingvo internacia kaj iom de ĝia historio.

Ĉu vi volas scii kiel ĝi okazis? Legu artikolon kaj vidu fotojn per klako sur la suba ligilo. Kaptu la okazon por diskonigi ĝin kun viaj samideanoj.

Bondezire, plej amike, ***Maria Aparecida da Silva*** www.bonavolo.com www.paivanetto.com/eo






Ĉe la gastejo "*Cherry Top*" de John kaj Leslie Gallagher en Tasmanio. Bv viziti ilin.
Sendis *Sandor Horvath*




***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***